V Oktobro-Novembro-Decembro 1921 — Januaro 1922 3—4—5—6

# Internacia Pedagogia Revuo

(I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

— **Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)** —

**JARA KOTIZO :** Aùstrujo : 60 kr.; Belgujo : 10 fr.; Britujo : 5 s.; Bulgarujo: 25 lev.;C'eh'oslovakujo: 20 kr.;Danujo: 6 kr.;Finlando: 20 mk.; Francujo : 10 fr.; Germanujo : 20 mk.; Hispanujo : 6 pes.; Hungarujo : 60 kr.; Italujo : 10 l.; Japanujo : 3 j.; Jugoslavujo : 30 kr.; Nederlando : 3 g; Norvegujo : 6kr.; Polujo : 60 mk; Rumanujo : 25 l; Svisujo : 6 fr.; Usono : 1 dol.

**Avizoj de la Redakcio.** — Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis pos'tpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laù bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj; sed oni c'iam citu nian revuon kaj sendu al ni almenaù 2 ekzemplerojn de la tradukj'o. — En la fako "Bibliografio" estos recenzitaj nur tiuj gazetoj aù libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaù 2 ekzempleroj. — La redakcio respondas letere aù pos'tkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo 1 internacian respondkuponon aù respondkarton.

**Redaktoro-Administranto :**
**Sro Jan JACOBS, kasisto de I. A. I.**
**Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen — Belgujo.**

Presejo L. BERREBIERS, ANTWERPEN.

# Estraro de I. A. I.

**Honora prezidanto** : Sro Th. Cart, profesoro de universitato, rue Soufflot, 12, Paris, — Francujo.

**Prezidanto** : Sro J. W. Sevenhuysen, lernejestro, Leidschevaartweg, 123, Haarlem. — Nederlando.

**Vicprezidantino** : Sino H. Zapater de Chalmot, profesorino, Moltkestr., 101, Köln a/R. — Germanujo.

**Vicprezidanto** : Sro Maréchal, profesoro, Leeds. — Anglujo.

**Sekretario** : Sro F. Durieux, pensiumita lernejestro, Boulevard de la Ré publique, 40, Nevers. — Francujo.

**Kasisto** : Sro J. Jacobs, instruisto, Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen. — Belgujo.

**Konsilantoj** : Sro P. Christaller, profesoro, Stuttgart (Germanujo)
Sro Building, instruisto (Anglujo).
Sro E. Backheuser, profesoro, Rio de Janeiro (Brazilujo).
Sro Schönherr, instruisto, Dresden (Germanujo).
Sro Dro Clark, profesoro, Arborfield (Anglujo).
Sro O. Simon, profesoro, Wien (Aŭstrujo).

---

V Oktobro-Novembro-Decembro 1921 — Januaro 1922 3—4—5—6

# Internacia Pedagogia Revuo

(I. P. R.)

OFICIALA MONATA ORGANO DE

Internacia Asocio de Instruistoj. (I. A. I.)

Redaktoro-Administranto :
Sro Jan JACOBS, kasisto de I. A. I.
Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen — Belgujo.

## Internacia Konferenco Pri Instruado de Esperanto

**18a - 21a de aprilo 1922 en Genève-Svisujo.**

Belan programon pri la Konferenco dissendis la Instituto J.J. Rousseau, Taconnerie, Genève.

Nia prezidanto, Sro Sevenhuysen, ricevis de la Holanda registaro la oficialan mision reprezenti ĝin en la Konferenco.

La komitato de la Belga Ligo Esperantisto decidis proponi al la Belga registaro delegi nian ĝeneralan kasiston, Sron Jacobs, kiel oficialan delegiton por Belgujo.

Sro Haine reprezentos oficiale Belga'n Ligo'n Esperantisto'n.

La estraro de British Esperanto Association elektis specialan komitaton por aranĝi la aferon en Britujo kaj permesis al la komitato kolekti monon por pagi la vojaĝon de du aŭ tri spertaj kolegoj.

Sroj Droj Steche kaj Dietterle reprezentos la Germanan Esperantan Asocion.

La Centra Dana Esperanto Ligo delegos Sron Carlsen, Finoj Asta Mikkelsen kaj Astrid Rybo.

Sro Dro Stan Kamaryt reprezentos la C'eh'oslovaka Ministrejo por Instruado.

Dum la konferenco oni organizos en la Instituto Jean-Jacques Rousseau ekspozicion de Esperantaj lerniloj.

# Esperanto, kiel instrufako en la lernejoj

La Instituto „Jean Jacques Rousseau" invitis la I.A.I. (Internacia Asocio de Instruistoj) kunveni en G'enèvo, la duan Pasktagon por pritrakti tiun temon, kaj jam projektis en konsento de mi, kiel Prezidanto de ĉi tiu unuiĝo, la provizoran programon rilate la pedagogan parton de la Konferenco (vidu numeron 1-2 de I.P.R.) S'ajnas al mi rekomendinde en nia Revuo priparoli ĝin antaŭ ol ni oficiale kunvenas.

Estas necese, ke ni antaŭe en la Revuo komuniku niajn spertojn. Ju pli multe ni publiku, des pli malmultan tempon ni bezonas en la kunveno mem por fari efikan diskuton. Ni povas facile elĉerpi la plej interesan, la plej taŭgan, kaj ne bezonas ripeti. Mi donas jam dum 10 jaroj Esperantan instruon en mia lernejo, do spertis multege, sed ne ĉio taŭgas por nia celo. Priparolante la eksperimentojn kaj la rezultatojn mi treege devas limigi min, ĉar la sekvantaj temoj ludas grandan rolon ĉe tiuj eksperimentoj, do estas tre malfacile silenti pri ili. Mi tial proponas, ke ni por la unua temo nur parolas pri la ĉirkonstancoj en kiuj ni donis la instruon, pri la kostoj, la permesoj, la penoj kaj la progresoj, do iomete supraj'e.

Mi ricevis de la Ministro permeson per doni lecionojn ekster la lernprogramo, kaj devis pagi ion por la lumigo, hejtigo kaj purigo de la lokalo. Tion devis pagi la partoprenantoj, ankaŭ la lernilojn sed la instruisto tute nenion enspezis por si mem. En la komenco ĉiuj gelernantoj partoprenis, sed kiam ili spertis, ke oni bezonas penadon daŭran por atingi la celon, multaj eksiĝis. La sekvantajn jarojn la partoprenado ĉiam pli malmultnombriĝis; kelkfoje restis en la klasoj de proksimume 30 gelernantoj nur 6.

La kaŭzo estis ankaŭ la sperto, ke ili tute ne bezonis esperanton en la sekvanta instruo. En la jaro 1913 ni decidis daŭrigi la esperantan studadon, kaj formi junulklubon por konservi la jam atingitan kaj sekve pliperfektigi ĝin.

La gejunuloj nun tre favore korespondis precipe kun gelernantoj el St Dénis, kaj decidis fine, kune viziti sub kondukado de mia edzino, kaj mi la Esperantan Kongreson en Parizo. C'io estis preta, ili loĝus ĉe siaj korespondantoj kaj la instruisto jam telegrafis, ke ili atendos nin je la stacidomo. Sed kia terura seniluziiĝo ! Anstataŭ festi la plej mirindan mondfeston, la plej terura mondmilito ekfuriozis. Jen falis en la plej abomenan abismon niaj idealoj ! Kelkaj teruraj jaroj preterpasis en kiuj nur estis tre malforta intereso por Esperanto.

C'irkaŭe 10 gelernantoj el la sesa kaj sepa klaso partoprenis; sed la nombro kreskis ĝis 18 el klaso de 24 gelernantoj. En la komenco helpis min unu el miaj instruistoj, li ĉesis, ĉar mankis al li sufiĉa tempo. Kelkaj instruistoj volis helpi min, sed nur dum la ordinara lerntempo, tial mi faris enketon en mia lernejo, ĉu oni volis kunlabori, se la Ministro decidis enkonduki la fakon en la ĝeneralan lernprogramon. Neniu estis kontraŭ; eĉ la Direktoro kaj la Inspektoro promesis kunlaboradon. Tamen la Ministro por Instruo rifuzis, ĉar la 3 C'ef-Inspektoroj konsilis ne aprobi ĝin.

La progresoj de la gelernantoj estis tre diferencaj; de kelkaj tre grandaj, de aliaj tre malgrandaj; mezgradajn mi nur malmultfoje rimarkis. Esperanto estas sufiĉe facila por eklerni, se oni forte deziras ĝin kaj se oni ne favore lernas, oni nenion atingos, ĉar ne ekzistas devo. En la aliaj fakoj ni spertis, ke la devo okazigis, ke tamen la ne favoraj iom lernis, kaj post kelka tempo denove kun pli multa favoro rekomencante la studadon, ili ĝojas, ke ili estas devigata daŭrigi la studon. C'e Esperanto tamen, kiel libera lernfako, oni lasis tuj fali la kuraĝon, kaj oni forŝtrekas ĝin, kiel nebezonaj'on. Por mi multfoje la laboro estis senkuraĝiga, kaj ofte, kiam mi estis laca pro la taga laboro, mi prekaŭ perdis la kuraĝon daŭrigi la kurson. Tamen mi persistis kaj faris multfoje en kunvenoj propagandon per miaj bonaj gelernantoj. Ili kantis tiam kune, aŭ ludis malĝrandan komedion aŭ parolis kun mi publike laŭ la gusto de iu el la vizitantoj. Tiam kreskis denove mia ambicio. Iam vizitis min patro, kiu promenis kun 12 jara filineto kaj Angla Esperantistino en la ĉirkaŭaj'oj de Haarlem. Li volis esprimi al mi sian sinceran dankon por la feliĉa tago, kiun Esperanto portis al li, ĉar lia filineto servis kiel interpretistino inter li kaj la Anglino. Li nur bedaŭris, ke li mem ne sciis Esperanton, sed nun ekmontriĝis al li la taŭgeco de Esperanto !

Estis ĉiam tre bedaŭrinde, ke miaj gelernantoj ne havis okazon post la forlaso de la lernejo daŭrigi la studadon; multaj post jaroj ĉion forgesis; nur kelkaj sekvis mian ekzemplon kaj donas nun mem kursojn. La pli multaj perdiĝis en la granda alfluo de tute aliaj postuloj de la socia vivo.

Mi nur unufoje donis kurson en mezgrada lernejo; estis nur kurso de 4 monatoj kun 13 gelernantoj; unufoje leciono semajne sen hejmtasko. La sukceso estis granda, kvankam ankaŭ la kurso estis tenata ekster la lernprogramo dum la libera posttagmezo. Kiam mi finis la kurson, unu el la lernantoj ekstaris, kaj faris tre fluan esperantan dankparoladon. Alia lernantino partoprenis en esperantista promenado, kaj interparolis kun la esperantistoj la tutan tagon tre bone. Mi invitis Anglan

Esperantiston ĉeesti mian kurson en la Liceo, kaj petis al li demandi ion al ĉiu el miaj gelernantoj; ankaŭ tiu provo plene sukcesis.

Mi faris multfoje ankaŭ komparon kun la instruo en la franca lingvo. Iam ni havis publikan ekzamenon en la ordinaraj fakoj, kaj unu el la taskoj estis : Skribu malgrandan historion, kiun la instruisto legis antaŭe. Mi demandis al du el miaj lernantoj, kiuj samtempe ricevis instruon en franca kurso kaj Esperanta kurso. Al la unua kurso ili dediĉis kvaroblan tempon. Mi devas aldoni, ke la instruisto por la franca kurso havis, ĉe ekzamenoj de siaj lernantoj multan sukceson. Mi demandis al la knaboj : bonvolu rakonti la saman historion france kaj Esperante. Il eĉ ne kuraĝis komenci la francan, ĉar ili eĉ ne unu frazon povis formi. La sekvantan matenon ili tamen alportis la Esperantan tradukon preskaŭ sen eraroj. Neniu povis helpi ilin krom la ŝlosileto. Mi ne kuraĝas publikigi, ke mia sperto estas tute kontentiga, sed rilate la sukceso ĉe la alia instruo en vivantaj lingvoj, la sukceso estis grandega !

Mi supozas, ke la rezultatoj estas ankoraŭ multe pli grandaj, se ni povus instrui la lingvon Esperantan kiel ordinara fako en la lernprogramo. Tiam la instruo vivus en la tuta klaso, kaj la instruisto povus ligi aŭ plekti la diversajn fakojn ĝustatempe.

Nun ni venis senvole sur alian teritorion, nome la pedagogian: la valoro de Esperanto kiel logika preparo por la studado en la naciaj lingvoj. La plej grava faktoro en ĉi tiu enfluo estas la pli bona kompreno de formoj el la propra lingvo. Mi multfoje rimarkis, ke lernantoj, kiuj ne estis sufiĉe vigla en propra lingvo tute konfuziĝis lernante ian vivantan lingvon, sed kiam ili lernis la simplajn formojn el artfarita lingvo, ŝajnis kvazaŭ nebuloj estis forblovitaj kaj kiam ili poste kun nova kuraĝo denove klopodis trapenetri la nebulojn de la propra lingvo, ili trovis la vojon, ĉar ili rekonis la regulecon, kiu tamen regis kaŝe. Esperanto estas la gvidilo per kiu ili povis trovi la vojon en la gramatika mallumeco. **Esperanto estas la mezurilo por taksi la gradon de malreguleco de nacia lingvo.** Ne mirinde do, ke la lernantoj, kiuj lernis esperanton, progresis en la Nederlanda lingvo, kaj kelkfoje baldaŭ ricevis sufiĉan, ciferon por tiu fako.

Mi donis antaŭ multaj jaroj esperantan kurson al laboristoj, kaj spertis la saman. Estis strange, ke ili preskaŭ ne faris erarojn en la Esperanta sed multegajn en la Nederlanda traduko. Mi ankaŭ spertis, ke lernantoj, kiuj post la forlaso de mia lernejo komencis lerni fremdajn lingvojn, tre facile lernis ilin; nur kelkaj diris, ke ili, precipe parolante, ofte miksas la lingvojn. Tamen tio estas ĝenerala fenomeno, kiun ni ĉiam spertos, kiujn ajn lingvojn

ni samtempe lernos. La plej praktika pero por eklerni esperanton estas la korespondado kun fremdlandanoj. Mi memoras, ke mi havis du lernantinojn, kiuj korespondis kun francaj knabinoj, kiuj laù peto ĉiam skribis per ruĝa inko la francan tradukon sub la Esperantaj frazoj. Ili mem faris la saman kaj ricevis la korektitajn leterojn. Bedaurinde,ke pro la milito tiuj knabinoj ne renkontis unu la alian. Sen ia sperto oni povas logike decidi, ke tia valoro la Esperanta instruo **devas** havi, ĉar kion faras la instruisto, se li volas klarigi ian malfacilaj'on al siaj lernantoj? **Li plisimpligas la problemon.** Nu tion faras ankaù la Esperanta instruo por la lingvaj problemoj.

La tria temo rilatas la tujan valoron por la lernantoj, la etikan kaj la socian valoron. Ne estas facile taksi la unuan, ĉar por tio la tempo estis tro mallonga. Kelkfoje mi ekrimarkis, ke j'us la plej sentemaj infanoj sin okupis pri Esperanto, do ne la esperanta instruo havis tian efikon, sed la hejma eduko kondukis ilin al Esperanto. Post la milito mi sendis cirkuleron al la gepatroj de miaj gelernantoj kaj atentigis ilin pri la pedagogia valoro de la esperanta instruo. Tuj duobliĝis la nombro de la partoprenantoj ! Multfoje mi povis konstati, ke la instruo portis la lernantoj en animstaton, kiu devis plinobligi ilin. Mi montris fotografaj'on de mia Dresdena amiko, kiu prezentis geknabojn, kiuj deziras korespondi, kaj ankaù komencis pristudi la lingvon. Ni mem faris la saman samtempe kun multaj aliaj infanoj en la mondo. Vidu la vizaĝojn, esprimante fortan deziron; vidu la favoron, kun kiu la lernantoj komencas la laboron; vidu la fierecon, kiu brilas el la okuloj, kiam ili montras al vi bildkartojn, recivitaj el diversaj landoj; vidu tion — kaj diru tiam ankoraù, ke Esperanto ne enfluas je la morala edukado !

Teorie ĝi devas ekzisti. Por konvinki la legantojn mi volas skizi du akrajn kontraùaj'ojn. Imagu, ke en iu lando oni nur lernis la propran lingvon. La infanoj iufoje demandis, ĉu ili ne bezonas lerni fremdajn lingvojn. La instruisto respondis : ,,Ne, en la tuta mondo oni lernas la nian, do ni ne bezonas lerni la ilian; se ili venus ĉi tien, ni povus interkompreniĝi, ĉar ili povus paroli nian lingvon; se ni vojaĝus al alia lando, ĉiam oni uzus por ni — nian lingvon !" Kaj en tiuj fremdaj landoj la infanoj ĉiam demandas al la instruisto, kial do ili nur devas lerni la lingvan de tiu fremda lando Ĉu tiu popolo estas de Dio elektita por regi super la aliaj ? Kial ili ne lernas NIAN lingvon ? Ĉu ili estas indiferencaj, eble fieraj, eble maldiligentaj aù malprudentaj ? Ĉu la instruisto povus doni kontentigajn respondojn ?

Imagu, ke en ĉiu lando, kiam la lernantoj okupas sin sufiĉe bone pri la propra lingvo, ili komencus lerni artfaritan lingvon.

La instruistoj dirus : „Miaj karaj infanoj, nuntempe en ĉiuj partoj de la mondo oni nun komencas lerni la saman helplingvon, ĉar se ili venus ĉi tien, ili ne scius nian lingvon, kaj ni eble ne la ilian; tamen ni povus nun interkompreniĝi, ĉar ili ankaŭ lernis esperanton. Kaj se ni irus al ilia lando, ni tre serŝajne ne povus paroli ilian lingvon, sed ili komprenus nin uzante la helplingvon. Nun ni povus en ĉiu okazo helpi unu la alian. Ĉiuj amas sian patran lingvon, sed neniu postulas, ke ia lingvo superregas; la homoj en la tuta mondo havas la saman rajton. Dio ne indulgis, ke ia lingvo regus super la aliaj ! Ĉu la lasta stato ne havas pli bonan impreson ĉe la instruo kaj edukado ? Nuntempe la ĉirkonstancoj en la diversaj landaj eŝtas tre diferencaj. Pro la milito naskiĝis novaj landoj, kiuj ĉiuj havas sian propran lingvon. En multaj landoj oni enkondukis la francan lingvon. En aliaj oni preferis la anglan. En kelkaj oni elektis la hispanan lingvon. Kia ĥaoso ! Ĉe ĉiu disputo pri la elekto vekiĝas la malamo; la milito regas denove en la koroj de la parolantoj, kaj la instigitaj instruistoj portas tre verŝajne tian staton en la lernejoj ĉe la infanoj, kaj anstataŭ pacigi ilin, oni disverŝas la ĝermojn por nova milito. Do, se la Ligo de la Popoloj vere klopodas, doni al la mondo la daŭran pacon, ili devas rekomendi al la diversaj ŝtatoj la enkondukon de Esperanto en ĉiujn-lernejojn de la mondo.

Enkonduku Esperanton, kaj la plej teruraj kanonoj ali formiĝos en kuirpotojn el kiuj la diversaj nacioj manĝos kune; la varmegeco, kiun vekos Esperanto, fandigos la plej grandajn kuglojn formante el ĝi kukbakilojn por regali la malsatajn infanojn en la detruitaj landoj !

Estas du metodoj por lerni Esperanton. Oni povas instrui ĝin kiel la gepatran lingvon, nur parolante, kaj poste samtempe kun tiu lingvo skribante. Kelkfoje mi aŭdis jam pri sukcesoj en ĉi tiu direkto, sed mem mi ne havas sperton de tiu sistemo. Mi nur instruis Esperanton, kiam la infanoj estis kapablaj bone uzi buŝe kaj skribe sian propran lingvon, almenaŭ rilate la frazanalizo. Ĉar, se la lernanto ne scias trovi la subjekton kaj la komplementojn en la frazoj, ili ne povas bone, korekte paroli kaj skribi Esperanton. Se la lernantoj ne povas distingi la substantivoj el la adjektivoj k.t.p., ili ne povas bone lerni la finaĵojn. Sed, aliflanke, la instruisto, kiu ekzemple pritraktas en la propra lingva instruo la adjektivojn, povus samtempe rimarkigi, ke oni povas en Esperanto tuj rekoni ilin pro la finaĵ'o.

Pritraktante la komparativojn kaj superlativojn, oni povas tuj kompari la tre diversajn formojn kun la simplaj en Esperanto. Tiam oni tuj rimarkos la diferencon kaj tio donas la plej

bonan peron por memorigi ilin, kiel mi jam diris en la lasta parto ĉe la pritrakto de la 2a temo.

Mi supozas, ke oni en la lernejoj multfoje miksas la Esperantan instruon en la instruon de aliaj lernfakoj. Por mi estis ofte tre malfacile, dum la instruo silenti pri Esperanto, ofte la tento estis tro granda, sed mi ĝenerale ne volis esti malhonesta kontraŭ la infanoj, kiuj ne partoprenis en mia kurso. Ne sole ĉe la lingva instruo, sed ankaŭ ĉe la instruo en geografio, aritmetiko, historio, muziko kaj desegno. Kompreneble la tasko de Esp. estis ĉe tiuj fakoj nur ornamo, almenaŭ tute alie ol ĉe la lingva instruo. Ekzemple-pritraktante la insulojn ĉe la elfluo de la „Oder" ni parolas pri la „Stuben Kammer".„C'u vi neniam vidis la famajn kretrokojn ? Nu, ni skribos al la delgito en Stettin, kaj post 4 tagoj ni havos la bildojn".Kaj vere tiel okazis: mi povis montri al la gelernantoj 2 bildkartojn de tiuj rokoj. Rilate la desegna instruo mi uzis plej multefoje Esperanton. Mi kolektis jam desegnaj'ojn el 5 landoj, kaj ĉiam mi komparas. Kompreneble mi nun devas legi la klarigojn ĉe la desegnaj'oj en Nederlando lingvo, sed se ĉiuj gelernantoj lernus Esperanton, mi lasus certe la tradukon al ili. Eble la legantoj opinias, ke tiuj rimarkoj ne apartenas al la metodo. Parte ili pravas, sed mi nur volas per tio konstati, ke Esperanto povas esti integrala parto de la tuta instruo, almenaŭ en la plej altaj klasoj. Tiamaniere oni nur bezonas unu horon semajne dediĉi al la esperanta instruo.

En la komenco mi uzis lernolibron per kiu oni nur imitis la instruon en aliaj fremdaj lingvoj precipe de la franca lingvo. Tial instruo estis tre enua: ĉiam nur traduki Nederland-Esperanten kaj Esperant-Nederlanden kaj samtempe lerni parkere longajn vortlistojn. Mi ŝanĝis la metodon kaj elektis metodon verkitan ĉe bildoj, kiujn mi povis pendigi sur la muron dum la instruado. Tamen mi ne lernis al la infanoj **paroli,** ĉar la metodo estis projektita laŭ jam ekzistantaj bildoj, kiuj havis alian celon. Tial mi mem desegnis bildojn, kaj faris ĉe ili verketojn. Mi rimarkis baldaŭ, ke la Esp. lingvo, kun malmultaj reguloj senekceptaj estis tiel logika, ke oni preskaŭ ĉion povis desegni. Nun mi uzas ĉiam mian propran metodon, kaj havas pli multan sukceson ol iam antaŭe. La ĉefa principo en ĝi estas : ne lernu parkere vortojn aŭ frazojn sed plenan rakonteton, kaj uzu de la komenco ĉiam la ŝlosilon por la traduko. Flanka principo estas, ke oni ne tro multe donas tradukaj'on al Esperanto; en la komenco nur traduki el Esperanto, kaj poste retraduki la saman al Esperanto. Tio estas la plej bona memkorektado, kaj havas la sekvon, ke la komenco ne estas tro malfacila. Laŭ mia opinio oni nur povas bone traduki en la fremdan lingvon, se

oni jam multe legis aŭ parolis ĝin. Mia sperto estas, ke la aĝo de la komencantoj devas esti plus minus 12 jaroj, kompreneble en normalaj cirkonstancoj.

Laŭ mia opinio la Ligo de la Nacioj nur povas **instigi** kaj **konsili.** Ĝi ne povas detale doni konsilon, sed nur ĝenerale. Ĝi devas atentigi la diversajn registarojn, kiuj sin reprezentigis en la Ligo, ke ekzistas internacia lingvo Esperanto, kiu jam dum 30 jaroj donis pruvojn de taŭgeco; kaj estas do konsilinda, se la okazo sin prezentas, favorigi la enkondukon de Esperanto en la lernejojn. Ni nur bezonas de la Ligo ĝian ŝtampon, ĉar alie eble filologoj, kiuj rimarkis la grandan sukceson de Esperanto, komencus propagandi alian projekton, kio jam okazis per Ido, Esperantido kaj Novlatino. Nenio estas tiel danĝera, ĉar tio signifus multan perdon de energio. Multfoje mi demandis al eminentuloj, kial ili ne volus lerni Esperanton kaj ofte oni respondis : mi ne komencas, ĉar mi aŭdas, ke jam estas nova helplingvo. Ordinare ili eĉ ne scias la nomon, sed ili certe scias, ke ekzistas pli ol unu, kaj tial ili decidis neniun akcepti.

Neniam antaŭe estis la bezono tiel forta, do la tempo estas alveninta, ke la registaroj oficiale akceptas ian internacian lingvon. Mi ne dubas, ke oni elektos Esperanton, ĉar ĝi estas la ununura vivanta helplingvo, la aliaj nur estas sistemoj kun kelkaj adorantoj. La Ligo de la Nacioj nur bezonas la konvinkon, ke tio estas la vera stato. Oni devas zorgi, ke ĝi ricevas detalan, apartan raporton pri la historio de Esperanto en la lastaj jaroj. Tio ne estas la tasko de ni, instruistoj; ni nur bezonas deklari, ke Esperanto estas instrufako, kiu havas multan valoron por la intelekta kaj morala eduko de la junularo.

J. W. SEVENHUIJZEN.
Prezidanto de la I. A. I.

---

# Farig'u majstro!

---

Dio-Semanto kreis animojn kaj dissemis ilin tra la tuta mondo.

Kaj tiu ĉi semaj'o estis sankta kiel Semanto mem, kiu ĝin semis.

Kaj la grundo sursemita-jen la korpoj homaj.

Sed krom ĉi tiu semaj'o tro dense elkreskis ankaŭ diversaj korpaj bezonoj, deziroj kaj emoj kiel malutila herbaĉaro. Ili ombris kaj malpurigis la grundon, sur kiu la veraj semoj ne povas dece elkreski kaj disvolviĝi.

Oni bezonas do multe da konsciaj kaj zorgemaj laborantoj, por elirigi kaj purigi tiujn sanktajn fajrerojn, por ke ili ekfloru

per hela lumbrilo kaj ardanta amo al sia Seminto kaj al similaj al ili fratinetoj.

C'ar la Semanto de l'animoj-kiel ĉiu semanto-deziras j'us vidi ilin florplenaj kaj en brilaj flamoj, li deziras fruktojn de ili ricevi; ja por tio estas semate.

Rigardu ! Jen la ĝardenisto nobligas junajn arbetojn : li sterkas, sarkas kaj rektigas ilin, li degratas ilian ŝelon, forigas la sekiĝintajn branĉojn kaj malutilan vermaron, lasante nur la sanan trunkon kaj tielan branĉaron por utilo sia.

Ankaù la animon oni nepre kreskigadu kaj simile nobligadu !

Kaj ekĝojos Sinjoro Semanto, se li trovas fidelan, prudentan servanton, kiu la semaj'on zorgeme purigas, disvolvigas kaj sanktigas, ĉar la frukto de sankta semaj'o estos ankaù sankta. Kaj frukto ĝia jen : amo, laboremo kaj agoj noblaj.

Tiam fariĝos ĝia vivado ĝoja kaj utila por aliaj.

Vere ekĝojos ankaù Sinjoro Semanto pro tio.

Oni ne permesu, ke tiu ĉi semaj'o ĉirkaùkresku per sovaĝaj herbaĉoj kaj poste pereu inter ili.

La pereon neniu deziras same kiel la pereon de multekosta perlo, kaj la animo pli kara estas ol la perlo.

Jes, facile estas malzorgi kaj pereigi, pli malfacile-purigi kaj nobligi, sed plej malfacile-krei.

Malzorgi kaj pereigi estas afero de maldiligentuloj kaj malkapabluloj, nobligi-estas la majstra faro, kaj krei-jen la Dia potenco.

JAN KASZYCKI.

---

# Interesa leg'o en Belgujo
# Leg'o koncerne la plej talenthavantoj

**(Daùrigo)**

C'APITRO II. FONDOJ KOMUNUMAJ KAJ INTERKOMUNUMAJ.

---

Art. 15.

La fondo komunuma estas administrata de la skabenaro kaj enskribata laù enspezoj kaj elspezoj, en la ĝenerala budĝeto de la komunumo, de kiu ĝi estas speciala ĉapitro. La monrimedoj ne povas esti uzataj, eĉ kelkatempe, por alia celo; en la okazo, la superaj'o kredita de administra jaro estas enskribata kiel enspezo en la budĝeto de la sekvanta administrajaro.

La fondo interkomunuma estas, laŭ la samaj kondiĉoj, administrata de la skabenaro kaj enskribata en la budĝeto de la plej popolhavanta komunumo de la grupo.

Art. 16.

Estas starigata, ĉe ĉiu fondo komunuma aŭ interkomunuma, elekta Komitato, kiu konsistas el lokaj reprezentantoj, tri por la komunumoj aŭ la grupoj de komunumoj de malpli ol 100.000 enloĝantoj kaj kvin por la komunumoj de pli ol 100.000 enloĝantoj — kaj de unu delegito de Ŝtato.

La lokaj reprezentantoj estas almontrataj por tempo, renovigebla, da kvin jaraj : por la Fondoj komunumaj, de la komunuma konsilantaro; por la Fondoj interkomunumaj, de la konstanta Deputataro de la provinca konsilantaro el la listoj de kandidatoj prezentitaj de la interesataj komunumaj konsilantaroj.

Almenaŭ unu el ili estos necese kuracisto.

La aliaj anoj estos elektataj prefere inter la personoj kompetentaj en instruaj aferoj kaj, kiel eble plej, tiamaniere ke la publika instruado kaj la privata instruado estu reprezentataj. La elektoj faritaj de la komunumaj konsilantaroj devas esti aprobataj de la konstanta deputataro. En okazo de rifuzo de aprobo, la komunuma konsilantaro faros novajn proponojn. Se ĝi rifuzas ankoraŭ sian aprobon, la konstanta deputataro faros mem la almontron.

La Ŝtata delegito estas almontrata de la Ministro de Sciencoj kaj Artoj.

Art. 17.

La petoj pri stipendioj, faritaj al la komunumaj administracioj kie la interesatoj havas sian loĝejon, estas transdonataj al la elekta Komitato kiu ekzamenas ilin konforme laŭ la fiksita maniero, fiksas, por tiuj kiuj ŝajnas plenumi la postulatajn kondiĉojn, klasigon laŭ meritordo, kaj resendas la aktarojn, al la komunuma administracio kiu havas la administradon de la Fondo.

Art. 18.

La skabenaro decidas pri la petoj. Se, en la aljuĝo de la stipendioj, la skabenaro deflankiĝus de la ordigo fiksita de la elekta Komitato, tiuj kiuj pro tio troviĝus malfavorigitaj, povos sin turni al la Ministro pri Sciencoj kaj Artoj.

Art. 19.

La elspezo kaŭzita de la agoj de la elektaj Komitatoj estas

alkalkulata al speciala kredito enskribita tiucele en la budĝeto de la komunumo.

Se estas Fondo interkomunuma, la pagado devas esti farata de la komunumo kiu administradas la Fondon, kun devigo de repago por la partoprenantaj komunumoj laŭproporcie de sia loĝantaro.

## C'APITRO III. FONDOJ PROVINCAJ.

### Art. 20.

La Fondon provincan de la plej Talenthavantoj administradas la konstanta deputataro kaj enskribiĝas en la budĝeto de la provinco sub la rubriko **Fondo de Aliulo.**

### Art. 21.

Estas starigata, ĉe ĉiu Fondo provinca, unu aŭ diversajn elektajn Komitatojn, konsistantajn el tri ĝis kvin anoj, nomitaj per reĝa decido por tempo, renovigebla, da kvin jaroj.

Almenaŭ unu el ili estos necese kuracisto.

La aliaj anoj estos elektataj prefere inter la personoj kompetentaj en instruaj aferoj kaj, kiel eble plej, tiamaniere ke la publika instruado kaj la privata instruado estu reprezentatoj.

### Art. 22.

La petoj pri stipendioj, faritaj al la provincestro, estas transdonataj de li al la elekta Komitato kiu ekzamenas ilin konforme laŭ la fiksita maniero, fiksas, por tiuj kiuj ŝajnas plenumi la postulatajn kondiĉojn, klasigon laŭ meritordo kaj resendas la aktarojn, kun aldono de detala raporto, al la provinca administracio.

### Art. 23.

La konstanta deputataro de la provinca konsilantaro decidas pri la petoj. Se, en siaj decidoj, la estraro deflankiĝus de la ordigo fiksita de la elekta Komitato, helpopeto al la Reĝo estas permesata al tiuj kiuj troviĝus pro tio malfavorigitaj.

### Art. 24.

La elspezo kaŭzita de la aĝoj de la elektaj komitatoj estas alkalkulata al speciala kredito de la provinca budĝeto.

## C'APITRO IV. KOMUNAJ ARANG'OJ.

### Art. 25.

La helpo de la Fondo de la plej Talenthavantoj estas

konsentata, al junulinoj same kiel al junuloj, por ĉiaj studadoj postunuagradaj : mezgradoj, normalaj, teknikaj, profesiaj kaj artaj, escepte la superaj studadoj, kaj kia ajn estas la karaktero, publika aŭ privata, de la instruejo kie ili estas farataj, kondiĉe ke tiu instruejo oferas seriozajn garantiojn rilate la valoro de la instruado.

Art. 26.

La amplekso de tiu helpo estos fiksata, en ĉiu okazo, de la kompetenta estraro, laŭ la antaŭaj aranĝoj, laŭ la graveco de la elspezoj okazigataj de la entreprenitaj studadoj kaj la fortunstato de la interesato aŭ de tiuj kiuj devas zorgi pri liaj (ŝiaj) bezonaĵoj. Oni povos enkalkuli, ne nur la elspezojn pro lernejpago, pro aĉeto de libroj aŭ aliaj klasobjektoj, pro vestado kaj nutrado, sed ankoraŭ pro la salajroperdo kaŭzita pro la studadoj.

Art. 27.

La stipendioj estas konsentataj por unu lerneja jaro. Ili estas eventuale renovigataj sekve de raporto de la estro de la instrucjo vizitata de la interesato, kaj, se necese estas, la elektata Komitato estas denove konsultata.

Ili estas pagataj trimonate kaj antaŭe, je la profito de la interesato aŭ de la persono kiu devas zorgi pri li.

Art. 28.

La Fondo al kiu apartenas la interesatoj estas fiksata de la loĝadejo de la gepatroj aŭ de tiuj kiuj anstataŭas ilin.

Se etiuj loĝadejo estas translokata al la dependeco de alia Fondo, la stipendio estas tamen pagata por la tuta lerneja jaro de la Fondo kiu decidis ĝian aljuĝon. Por la sekvantaj jaroj, la interesato dependos de la provinca Fondo de sia nova loĝadejo.

Art. 29.

Antaŭ la 1a de oktobro de ĉiu jaro, la skabenaroj kaj la konstantaj deputataroj de la provincaj konsilantaroj sendos respektive al la komunuma konsilantaro kaj al la Ministro de Sciencoj kaj Artoj, detala raporto pri la agadoj, dum la pasinta lerneja jaro ,de la Fondo, kiun ili administradas.

Kopiaĵo de la raportoj koncerne la Fondoj komunumaj kaj interkomunumoj estas sendata al la Ministro de Sciencoj kaj Artoj. Por la Fondoj interkomunumaj, kopiaĵo de la raporto estas ankaŭ sendata al ĉiu el la aliĝintaj komunumoj.

Art. 30.

Reĝaj decidoj difinos la plenumon de la nuna leĝo, interalie por tio kio koncernas la organizon de la Fondoj komunumaj kaj interkomunumaj, la enkasigon de la monsubtenoj komunumaj, provincaj kaj ŝtataj, la administradon kaj la librotenadon de la diversaj Fondoj, la formon kaj la esploron de la demandoj pri stipendioj, la maniero de elektado kaj la aranĝojn sekvotajn de la komitatoj kiuj devas fari tiun elektadon, k.t.p.

J. JACOBS. - Antwerpen.

---

# Ligue Internationale pour l'Education Nouvelle

**(Internacia Ligo por la Nova Edukado)**

Fondita dum la kongreso de Calais, la 6an de Aŭgusto 1921, kaj aligita al la Oficejo Internacia de la Novaj Lernejoj, starigitaj en Genève en 1899.

---

## PRINCIPOJ DE KONSENTO.

1. — La esenca celo de ĉia edukado estas prepari la infanon voli kaj realigi en la vivo la superecon de la spirito; ĝi do devas celi, kia ajn estu cetere la vidjunkto, laŭ kiu metiĝas la endukisto, konservi kaj pligrandigi ĉe la infano la spiritan energion.

2. — Ĝi devas respekti la indivuecon de la infano. Tiu-ĉi indivudueco ne povas disvastiĝi ol per disciplino kiu kondukas al la liberigo de la spiritaj fortoj kiuj estas en ĝi.

3. — La studadoj kaj, ĝenerale, la lerntempo de la vivo, devas doni liberan fluon al la interesoj naturdevenaj de la infano, tio signifas tiuj kiuj propramove vekiĝas en ĝi kaj kiuj trovas sian elmontron en la diversaj laboroj manaj intelektaj, estetikaj, socialaj kaj aliaj.

4. — Ĉiu aĝo havas sian propran karakteron. Estas do necese ke la persona disciplino kaj la opa disciplino estu organizataj de la infanoj; ili devas celi la plifortigon de la sento. de la respondecoj individuaj kaj socialaj.

5. — La egoista konkurenco devas malaperi el la edukado kaj devas anstataŭiĝi per la kunago kiu instruas al la infano meti sian individuecon je la servo de la individuaro.

6. — La kunedukado postulata de la Ligo, — kunedukado kiu signifas samtempe la instruadon kaj la edukadon komune,

forigas la similan edukadon altrudatan al ambaŭ seksoj, sed implikas kunlaboradon kiu permesas al ĉiu sekso libere fari sur la alia utilan influon.

7. — La nova edukado preparas, ĉe la infano, ne nur la estontan civitanon kiu kapablas plenumi siajn devojn al sia parencaro, sia nacio, kaj la komaro entute, sed ankaŭ la homan estaj'on, kiu konscias sian indecon de homo.

## II. Celoj de la Ligo.

1. — G'enerale la Ligo klopodas enkonduki en la lernejon sian idealon kaj siajn metodojn konforme al siaj principoj.

2. — G'i serĉas realigi pli intiman kunlaboradon : unuflanke, inter la edukistoj el la diversaj gradoj de la instruado; aliflanke inter la gepatroj kaj la edukistoj.

3. — G'i intencas starigi, per kongresoj organizotaj ĉiudujare, kaj, per la revuoj kiuj ĝi publikigas, ligon inter la edukistoj el ĉiuj landoj kiuj aliĝas al ĝiaj principoj kaj havas similajn celojn kiel ĝiaj.

4. — Ne estas kotizo. La abono al la revuo ,,Pour l'Ere Nouvelle" (Por la Nova Jararo) implikas la aliĝon al la principoj de konsento almenaŭ laŭ ĝenerala direkto.

El la franca lingvo tradukis.

J. JACOBS. — Antwerpen. - Belgujo.

N. B. Por ĉiuj informoj sin turni al Sro Dro Ad. Ferrière, Direktoro de la Internacia Oficejo de la Novaj Lernejoj. Pélisserie, 18, Genève Svisujo.

Ni ankaŭ esperu ke la Ligo kaj la Revuo baldaŭ uzu Esperanton, kiu certe devas havi sian lokon en la ,,Novaj Lernejoj".

J. J.

---

## Oficialaj informoj

Por agi laŭ la unuvoĉe akceptita propono de Sro Prof. Simon en la faka kunveno dum la XIIIa (vidu la raporton) ni insiste petas al ĉiuj gekolegoj speciale kaj ankaŭ al ĉiuj esperantistj generale, sendi se eble ĉiujn originalajn dokumentojn oficialajn pri la instruado de Esp. en lernejoj (dekretojn,komunikaj'ojn afiŝojn) aŭ kopiaj'ojn de tiaj dokumentoj al la sekretaricjo de Internacia Asocio de Instruisto, Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen, Belglando. Tiamaniere ĉiu samideano povos tie obteni rapide kaj akurate ĉiujn informojn pri la instruado de Esp. en la lernejo.

N. B. — Ni ĝentile petas la esperantan gazetaron represi tiun ĉi peton por helpi nin en nia plej grava laboro.

I. A. I.

---

## Peto

---

Nia movado bezonas ĉiaman propagandon.

Mi petas do tiucele la tutmondan gejunularon kaj pli aĝajn personojn sendi al polaj gelernantoj simpatiajn salutojn, intersajn sciigojn, bonajn konsilojn, mallongajn priskribojn aŭ ion similan. (Ankaŭ malproksimaj fratoj japanaj ne forgesu pri ni.) Mi presigos ilin laŭvice en organo de polaj gelernantoj en pola kaj eble ankaŭ en esperanta lingvo. Tiamaniere ni atingos krom propagando ankaŭ simpation por nia interna ideo.

La cirkonstancoj por nia movado ne estas ĉe ni tre favoraj ni favorigos ilin tiamaniere, se vi bonvole helpos.

Alsenditajn interesajn ilustraĵojn mi proponos reprodukti en la nomita gazeto. — Ĉiujn korespondaĵojn adresu al : **J. Kaszycki; Krakôw-Grzegôrzki - Polujo.**

Gazetoj esperantaj bonvolu represi tiun ĉi peton.

---

„ Pedagogia Instituto de Comenius" ĉe la ministerio por lernejaferoj kaj nacia kulturo de Ĉeĥoslovaka respubliko en Praha intencas fondi pedagogian revuon, parte organon de Instituto kaj parte revuon sciencan kaj informan. Ĝia enhavo estos presita en angla lingvo kaj ĉiujn al lingvajn kunlaboraĵojn tradukos la redakcia rondo en anglan lingvon. La redakcio tre ŝatos **esperantajn** originalojn, pritraktantajn la enkondukon de esperanto en la lernejon, la gravecon de internacia lingvo por la edukado kaj internaciaj rilatoj. Koncerne la pedagogion kaj lernejaferojn la Revuo volas esti precipe ligilo inter la nacioj de Malgranda Ligo Entento kaj la okcident-eŭropaj landoj. Por ĉiu celo estas la urbo PRAHA, lokita meze de Eŭropo, tre taŭga.

La „ Pedagogia Instituto " alvokas ĉiujn, kiuj laboras por la lernejaferoj, ĉu ĝenerale, ĉu fake, por la pedologio aŭ pedopsikilogio, korpa eduko aŭ spirita, ke ili interrilatiĝu kun la nomita Instituto, subtenu la novan gazeton, kiu havos neniujn egoistajn kaj naciajn celojn

Ĉiujn demandojn, manuskriptojn kaj informojn direktu al „ Pedagogicky ústav Komenského " PRAHA III., Letenská, 5. CEHOSLOVAKUJO.

# Pagis slan kotizon por la jaro 1921-1922

Sro J. Jacobs, Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen. — Belgujo.
Sro D. Kennedy, Craig Park, 60, Dennlstown, Glasgow. — Skotlando.
Sro Ranfaing, rue Sala, 17, Lyon. — Francujo.
Sro Vatan, Villeneuve St. G. (S. et O.) — Francujo.
Sro Durieux, Boulevard de la République, 40, Nevers (Nièvre). — Francujo.
Sro N. C. Carlsen, Bülowsvej, 24, Odense. — Danujo.
Fino J. Finholdt, Akersbakken, 25, Christiana. — Norvegujo.
Fino Asta Mikkelsen, Reberbanegade, 10A/4, Köbenhavn. — Danujo.
Fino L. Blicker, Bredgade, 63, Köbenhavn. — Danujo.
Sro J. Camescasse, rue Douai, 39, Paris. — Francujo.
Sro Linus Andrén, Svennevad. — Svedujo.
Sro V. Jedlička, Starnov ĉe Šternberk. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino H. Meyer, rue de l'Entrepreneur, 114, Paris (XVe). — Francujo.
Fino Antonia Jozičić, Kostajnica. — Jugoslavujo.
Fino Joh. Doering, Schieperstr., 29III, Berlin. — Germanujo.
Sro Jan Balvin, Sladkovského ul, 11,Plzeň. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro A. Naumann, Königsplatz, 2, Werdau. — Saksujo; Germanujo.
Fino F. Bonnet, Place d'Anvers, 12, Paris. — Francujo.
Sro Fr. Ryba, Chejšt, pošto Chlumec n/C. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Albin Neuzil, Olomouc-Nerĕdin. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Josef Matejka, Nepomuk. — Bohemujo; Ĉeĥoslovakujo.
Sro Frant. Baliček, Červeny Kostelec. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Stan. Loskot, Vraclav apud Pardubice. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Walter Johne, Bismarckpl., 5, Potschappel. — Saksujo.
Fino Eva Schnabel, Schleiermacherstr., 31, Breslau X. — Germanujo.
Sro Otto Simon, Billrothstrasse, 31, Wien XIX. — Aŭstrujo.
Sro Stan Otruba, Olomouc-Těšetice. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Bohuslav Trybenekr, Stará Paka. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Bedrich Doucek, Štrossova ul, 22, Pardubice. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Marie Vondrová, Heronovická ul, 663, Pardubice. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Fritz Stephan, Neustadt o/S. —Germanujo.
Sro František Portych, Dolné Kalná. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Stanislav Hlaváč, Kosov ap. Lomnice n. P. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Jarmila Kubšásková, Barrandova ul. 16, Plzeň. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Eliška Zwiefelhoferová, Hořice. — Bohemujo; Ĉeĥoslovakujo.
Fino Mario Svidt, Stupava pri Bratislave. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Walter von Waldowski, Bergfelderstr., 15, Birkenwerder b. Berlin. — Germanujo.
Sro Václav Králicek, Králové Lhota p. Meziricí. — Ĉeĥy; Ĉeĥoslovakujo.
Sro Dro Göhl, Neugersdorf i. Sa. — Germanujo.
Sro Max Pauler, Reinprechtdorferstr., 2/38, Wien V. — Aŭstrujo.
Sro Jan Šembera Francouzská ul., 72, Brno. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Josef Novák, Lázně Poděbrady. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro J. A. Sevenhuysen, Leidschevaartweg, 123, Haarlem. — Nederlando.
Fino Nelly Sevenhuysen. — Sama adreso.
Sro Josef Rys, Č. Budejovice. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Ant. Ráž, Beroun II 197. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Fr. Kasaly, Telč. — Moravujo; Ĉeĥoslovakujo.
Sro Julius Procházka, Odrlice na Litovel. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Max Murath, Duchcov. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Marie Havránková, Pod Kosirem, 32, Prostejov. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Bohumila Stejskalová, Cermákova ul., 6, Král. Vinohrady. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Erich Koblischke, Schillerstr., Landskron. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Julie Supichová, Malá Stepanská, 6, Praha II. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino H. Amiard, école de St.Nicolas de la Taille, par Lillebonne (S. I.) — Francujo.
Fino Ant. Janaiková, Nádražní ul., Bystřice pod Hostynem. — Ĉeĥoslovakujo.
Fino Mat. Minárikovà, Palackehoťrda, Bystřice pod Hostynem. — Ĉeĥoslovakujo.
Sro Th. Cejka, Nádražní ul., Bystřice pod Hostynem. — Ĉeĥoslovakujo. (Daŭrigota).

---

## INTERNACIA KONKURSO.

Kun la celo konigi la plej bonan manieron laŭ kiu oni instruas kiel eble plej facile kaj efike la internacian lingvon Esperanton, Belga Ligo Esperantista organizas internacian Konkurson pri „ **Speciala Metodologio de Esperanto** ".

Petu la kondiĉojn de Sro A. J. WITTERIJCK, Prezidanto de B. L. E., STEENBRUGGE. - BELGUJO.

